# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Aprilo 1997 68-a jaro, n-ro 4 (1102

ISSN 1163.0442 *Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem* MENSUEL/MONATA

EN ĈI NUMERO





# "RENAULT" UNUA EŬROPA STRIKO




SAT SUR TTT : http://www.worldnet.net/~sat-esp/

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## El la redaktejo

*Karaj ,*
*vi tenas en la manoj la aprilan numeron de Sennaciulo kun pluraj aktualaj artikoloj. Mi tre ĝojus se mi povus havi en ĉiu numero similajn kontribuaĵojn el diversaj landoj. La aktualaĵoj ne mankas. Konstante kaj senĉese okazas en diversaj landoj bataloj kontraŭ la maljusto kaj por la homaj kaj laboristaj rajtoj. Ni subtenu kaj diskonigu ilin en nia organo. Ni montru ke ni kaj nia neneŭtrala asocio ne estas indiferentaj rilate al la mondo plena je maljustaĵoj kaj kruelaĵoj. Almenaŭ ni denuncu kaj kondamnu ilin, por ke niaj estontaj generacioj provu krei pli justan kaj pli homecan socion.*
*Atendante vian kunlaboron, plej kamaradece salutas vin,*
*via*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo : 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, Telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
E-poŝto : sat-esp@worldnet.net.
Oficejo malfermita : lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo : 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto : SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas : Redakta komitato - Y. Peyraut, P. Lévy kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo : SAT, 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, Francio.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, F-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication : Yves PEYRAUT.
Abonnement annuel/jara abono, France : 320 FF.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**




## FORUMOJ DE LA RETO

Dum la printempo 1995, l'Amikeca Reto sukcese organizis vojaĝon de k-do Leo Vulfoviĉ de grupo al alia tra Francio kaj Anglio. Danke al diversaj faktoroj, la turneo estis ege sukcesa, kaj oni petis de ni pluorganizi rondvojaĝojn. Tion ni plezure faros.

Ni rememorigas, ke niaj celoj estas okazigi FORUMOJN pri socia temo de iu mondparto, ekzemple per vojaĝo de preleganto, artlaboristo, artisto, ktp. Ĉiuj enlandaj kostoj estu pagataj de la E-grupoj mem, sed oni kalkulu pri nenia honorario.

Ni rememorigas, ke nia kunordiganto por Brazilo estas:

Gilbert LEDON, Rua Aparecida Anacleto 111-A, BR-04809-120 Sao Paulo, SP.

De nun zorgas pri tiu afero por Francio :

Janine kaj Ferdi VINCE, 13 rue du Dr. Schweitzer, FR-44600 St. Nazaire, Telekop: +33.(0)2.40.70.46.74.

Eventualaj animantoj sendu skribajn sinprezenton kaj resumon de la prelego multajn monatojn antaŭe.

### REZULTATO DE LA REFERENDUMO 1996/97

La voĉdoniloj estis kribrataj la 12-an de marto de k-doj Raoul Bulcourt kaj Gilbert Lebec, kiuj nombradis 200 voĉdonilojn.

1. Elekto de Plenum-Komitato :

Gek-doj : Bannier, Barkoviĉ, Cavalier, Gabalda, Haustrate, Houlgatte, Sabatier kaj Peyraut.

| | |
|---|---|
| Voĉdonis JES por la 8-kapa kolektivo | 186 |
| Voĉdonis NE por la 8-kapa kolektivo | 6 |
| Sindetenoj | 4 |
| Nevalidaj | 4 |

2. Elekto de Ĝeneralaj Konsilantoj :

K-doj G. Coste kaj R. Smeets

| | |
|---|---|
| Voĉdonis JES | 179 |
| Voĉdonis NE | 3 |
| Sindetenoj | 11 |
| Nevalidaj | 7 |

Sekve de tiu referendumo la mandato de la Plenum-Komitato kaj de Ĝeneralaj Konsilantoj validas por la periodo 1. de marto 1997 ĝis 28-a de februaro 2000.

**ĈU VI PAGIS VIAN KOTIZON 1997 ?**
**HELPU AL VIA ASOCIO PER MONO KAJ KUNLABORO !**



# El la Mondo

## EŬROPO

# SALUTON AL UNUA EŬROSTRIKO!



Bone notu tiun daton: Vendrede, la 7an de marto 1997, unua eŭropa striko okazis samtempe en Belgio (Vilvoorde), Hispanio (Valladolid) kaj Francio (Cléon) pro brutala decido de Louis Schweitzer, direktoro de ĵus privatigita aŭtomobilfabrika entrepreno mondkonata Renault, fermi uzinon en Vilvoorde, Belgio, kaj maldungi ties 3000 salajrulojn. Motivo de la decido: »La entrepreno perdis 5 miliardojn da FRF en 1996. Necesas restarigi la profitojn. La kosto de la laboro estas 30 % pli alta en Belgio ol en Francio. Necesos ankaŭ en Francio maldungi almenaŭ 3000 salajrulojn. Necesas konstante adapti la strukturojn de la entrepreno al la malvastigo de la merkato, al la teknikaj evoluoj kaj al la tutmonda kreskanta konkurenco. La decido estas saĝa kaj realisma.«



*Louis Schweitzer, la estro de Renault.*

Tiu mastra kruda parolmaniero estas esence la sama, kiel tiu de la plej krude, malvarmkore reakciaj mastroj de la epoko de Karlo Marks. Ĝi provas nuligi la rezultojn de du jarcentoj da laboristaj luktoj por pli bona, pli homeca vivo: ĝi simple submetigas la vivon de milionoj da homoj al la kapricoj de manpleno da financistoj, kies sola patrio estas la homekspluatado.

Necesas scii, ke en la 5 miliardoj da perdo anoncita de la entreprenestro, 2.5 miliardoj estas provizoj pro estontaj maldungoj. Alivorte, necesas maldungi pro la estontaj perdoj kaŭzotaj de la maldungoj! Tio aspektas kiel frenezula rakonto inda je la erinaca paĝo de Sennaciulo.

»Estas bone spertita fakto, ke la Laboristaro povas atingi plibonigon de siaj labor- kaj vivkondiĉoj nur per konstanta batalado kontraŭ la ekspluatanta klaso - la burĝaro. Tia batalo por sukcesi bezonas unuiĝon. Komence la ekspluatitoj sindikate grupiĝis en la urbo, kie ili laboris; poste la grupiĝo plilarĝiĝis, fariĝis regiona, nacia, internacia.

La kapitalismo, enirinta la stadion de imperialismo, disvolvas la produktofortojn tiagrade, ke la ekonomio pli kaj pli interplektiĝas laŭ tutmonda skalo. Grandaj trustoj jam nun posedas fabrikojn en plej diversaj partoj de l'mondo. Se la laborforto estas malpli kara en iu loko, t.e. se la tieaj laboristoj estas malpli postulemaj kaj ne bone organizitaj, la industriĉefoj tendencas pligrandigi la produktadon en tiu loko, kaj tiel senlaboriĝas la alilokaj laboristoj.

En tre proksima tempo la strikoj en kelkaj industrioj povos esti sukcesaj, nur se ili okazos samtempe kaj tutmonde. La granda plimulto da laboristoj ne ankoraŭ komprenas tion. Sed la faktoj pli kaj pli devigos ilin kompreni. Jam gvidantoj devis konfesi, ke la lasta karbminista striko en Britio malsukcesis ĉefe pro tio, ke en Germanio, en Francio kaj en aliaj landoj ministoj elfosis la bezonatan karbon, kiun aĉetis Britiaj industriĉefoj. Rezultas el tia stato, ke la laboristoj nepre bezonas ne nur internacian, sed eĉ tutmondan unuiĝon.

Por unuiĝi necesas interkompreniĝi. Kaj jen aperas la bezono de komuna lingvo.«

Tiu teksto estas eltirita el »La Laborista Esperantismo« de Lanti. Ĝi estas preskaŭ 70 jarojn aĝa! Ĝi ne estas tirita el ĉapitro pri Sennaciismo, sed koncernas la pravigon de la peresperanta celado de SAT. Tiun tekston granda parto el tiama SAT-anaro ŝatis interpreti tiele: - »limigi la klasbatalon nur per kampo strikte ekonomia, celanta nur altigon de salajro por laboruloj«; kaj tiu interpreto estis unu el la falsaj pretekstoj de skismigo de la Laborista Esperanto Movado. Tiu interpreto estis ebla nur ignorante kaj kaŝante aliajn partojn de la



# El la Mondo

sama verko, kiel tiu ĉi: »La ĉefa tasko, kiun difinis al si la Laboristaro, estas la



*Belgaj, hispanaj kaj francaj salajruloj de Renault komune manifestaciis kontraŭ la fermo de la uzino en Belgio.*

forrenverso de l'nuna kapitalisma sociordo, - kiu okazigas militojn, senlaborecon, mizeron kaj eĉ minacas pereigi la tutan civilizon per venontaj kruelaj kaj absurdaj militoj.« Oni ne diru al mi, ke mi arbitre eltiras izolitajn frazojn: ĉiu povas akiri kaj mem ekzameni ilian kuntekston.

Mi konsentas kun Kdo Schram, ke la klasbatalo estas morale kaduka abomenaĵo, kiu devas malaperi. Ĝuste tion proponas al ni nia nuna statuto, diranta: »la Asocio ja havas praktikan kaj idealan celon, ĉies devo estu do memedukiĝi por fariĝi ĉiurilate inda batalanto laboranta efike al starigo kaj prosperigo de senklaseca kaj senekspluateca socio.«

La homekspluatado kaj ĝia korolario la klasbatalo estas kadukaj principoj. Ili apartenas al alia, pasinta jarcento. Nur manpleno da senskrupulaj financistoj, kunigitaj en tutmonda komploto, ankoraŭ ne komprenis tion sed provas trudi al la homaro senfinan socian regreson, kiu plu nepriigas eksmodan klasbatalon. Por komprenigi al ili ilian krudan eraron, necesas kontraŭ ilin konstrui potencan tutmondan solidarecon kaj renversi ilian abomenan sistemon.

Tial kun SLEA-informilo (jan.-feb. 1997) mi asertas JES! »SAT ankoraŭ estas bezonata en la mondo!« - Sed por plenumi siajn taskojn SAT bezonas membrojn, precipe junajn. Kara leganto, vi bone komprenis: mi insiste invitas vin aliĝi al SAT, se tio ankoraŭ ne estas farita. Ni bezonas viajn ideojn, vian iniciatemon kaj vian agadkapablon.

*Petro Levi 23111*

# PRI SOCIA KONFLIKTO EN KOREIO

Dum januaro 1994 okazis en Koreio tre forta laborkonflikto kiu koncernis ĉefe la du grandajn entreprenojn, Daewoo kaj Hyundai, paralizante ĉefe la aŭtomobil' kaj ŝipkonstruadojn. Ĉirkaŭ 200.000 laboristoj ĉesis la laboron. Estas domaĝe ke ne estas SAT-membroj en tiu lando, kiuj estus povintaj raporti pri tiuj okazaĵoj.

La kaŭzo de la striko estis nova leĝo kiu celas plifaciligi la maldungojn, enigi pli da fleksebleco en la laborkontraktoj, plioftigante la dungojn por limigita daŭro.

Laŭ la registaro kaj la entreprenistoj, tio estis necesa por fronti la konkurencon, rezultanta de la ekonomia tutmondiĝo. Tiu leĝo estis voĉdonita ekster la ĉeesto de la reprezentantoj de la politika opozicio.

Legante tiujn informojn oni povas konstati strangan similecon kun la ekonomiaj problemoj de okcidentaj landoj. La ekonomia tutmondiĝo enigante senregulan konkurencon havas ĉie la samajn konsekvencojn. Ankaŭ okcidente, la regantoj diras laŭ pli malpli vualita formo : »Por esti konkurenckapablaj, la entreprenoj devas redukti la laborkostojn, limigante la salajrojn kaj la sociajn avantaĝojn, devas esti pli da fleksebleco en la dungoj. La minimuma salajro garantiata estas tro alta, ktp.«.

Evidente, tiu bremsado de la laborkostoj en unu lando kondukas la konkurencajn landojn al sama bremsado kiu ĝiavice provokas novan bremsadon en la unua lando. El tiu stulta ekonomia milito povas rezulti ĝenerala paŭperismo ĉe la neposedantoj.

Tio pruvas la neceson de solidareco inter la laboristoj ĉiulandaj.

La internacia sindikataro (C.I.S.L.) prave subtenis la lukton de la koreaj laboristoj spite al la protestoj de la registaro kontraŭ tiu »enmiksiĝo en la Koreaj aferoj« . Bedaŭrinde la maldekstraj partioj ne same agis. Ni memoru la

Fino : paĝo 46



# El la Mondo

**BRAZILIO**

Amnestio internacia

## LA SENTERULOJ, LA POLICANO KAJ LA »PISTOLERO«

Deknaŭ kamparanoj estis mortigitaj, en plena nepuniteco, de la militista polico en »ELDORADO DO CARAJAS«. La Movado de la Senteruloj alvokas la tutmondan opinion.

Per mallongaj noktaj etapoj, kiam la varmeco estis eltenebla, jam de unu semajno ili iradis. Proksimume 4.500 kamparanoj, nur posedante siajn plugpioĉon, battranĉilon, ekiradis al »BELEM«, ĉefurbo de la ŝtato de »PARA«. Ili aliris por postuli de la instancoj, la eksproprietigon de la »Fazenda« Macaxeira, kiun ili okupis de unu monato.

*»45.000 hektaroj da senkultivejo, indignas Oélia, la instruistino, kiam niaj familioj eĉ ne havas terpecon por kultivi.«*

La 17-an de aprilo 1996, ili estis en »ELDORADO DE CARAJAS«. Super la tendaro flirtas la ruĝa flago stampita per la emblemo de M.S.T. De la guberniejo, en »BELEM«, la majoro Oliveira ricevis la ordonon malobstrukci la vojon.

*»Dum la posttagmezo, trupoj de la militista polico komencis elveturiliĝi kaj ĉirkaŭis nin*; rakontas Oélia. *Tuj, sen provi diskuti, sen minacaverto, ili lanĉis grenadojn kaj ekpafis (...). Devojiĝinta knabino vokis siajn gepatrojn . Mi kuntrenis ŝin kaj ni rifuĝis en barakon, borde de la vojo. Oziel* (unu el la estroj de M.S.T.) *kaj pluraj virinoj jam troviĝis interne. La policistoj enbatis la pordon. Ili serĉis Oziel, lin kaptis kaj per la hararo trenis lin.«* Informita, fine de la posttagmezo, Wanderlei Martins, advokato de la S.D.H.R. (Societo por la Defendo de la Homaj Rajtoj de la PARA) iris surloken, poste al la hospitalo de CIRIANOPOLIS. *»En la mortintejo troviĝis la kadavroj de 19 kamparaj senteruloj. Inter ili Oziel Alves Pereira. Ĉiuj estis de proksime mortpafitaj.«*

### TRIFOJE LA SURFACO DE FRANCIO NE KULTIVITA

La tuta historio de Brazilio estas vojmarkita per agraraj konfliktoj akompanataj de sangaj epizodoj. Origine, aparte neegala dispartigo de la bienaj posedaĵoj. La 2 % de plej riĉaj proprietuloj sole okupas 60 % de la agrara surfaco en la lando, dum 4,8 milionoj de kamparaj laboristaj familioj kaj etaj terekspluatantoj vivas sub la sojlo de la malriĉeco. Unuflanke, la grandaj »Latifundiuloj« por kiuj la tero estas spekulaciobjekto kaj okazo por fruktedonaj defraŭdoj de publikaj fondusoj. Vastegaj bienoj estas destinitaj al tre etendiga bredado aŭ forlasitaj. La N.I.A.R.K. (Nacia Instituto de la Agrara Reformo kaj Koloniado) taksas je 153 milionoj da hektaroj (do, trifoje la surfacon de la franca teritorio) la surfacamplekson de la ne produktivaj grandaj latifundioj. Aliflanke, la amaso de malriĉaj kamparanoj, kiuj postulas la aliron al la tero. Ili havas por si la leĝon. Laŭ la brazila konstitucio, la ŝtato rajtas eksproprietigi la agrarajn terojn konsiderataj kiel ne produktivaj.

*»Por la grandbienaj proprietuloj«*, klarigas Joao Pedro Stédilé, unu el la estroj de M.S.T., *»la kâmparaj postuloj konsistigas netolereblan minacon, kontraŭ kiu ili oponas per la perforto de siaj privatmilicanoj, aŭ per tiu de ŝtataparato, kies nombrajn mekanismojn ili kontrolas. Kamparanoj, sindikatestroj, pastroj, falas sub la kugloj de la »pistoleros«. Memoru pri la murdado de Chico Mendes, estro de la »seringueiros« de l'Acre aŭ tiun de pastro Jesimo, unu el la pastroj de la Tera Pastra Komisiono«.*




*La senterulaj kamparanoj en unu okupita "fazenda".*

### PIKDRATOJ KAJ »PISTOLEROS«

Ekde la jaroj 90, la M.S.T. komencis fariĝi famkonata. Tra la tuta lando, miloj da kamparanoj invadis la neproduktivajn »fazendas«, manifesta-



# El la Mondo

ciis en la lokaloj de N.I.A.R.K., ekkultivis la neokupitajn terojn, organiziĝis sine de kooperativoj por akiri kredi-tojn aŭ komercigi siajn produktojn. El tio rezultis, ke en septembro 1996, la M.S.T. depostulis la estrecon de 168 tendaroj de senteruloj, konsistantaj el 52.867 familioj, dum, en la naŭ unuaj monatoj de 1996, pluraj »fazendas« estis eksproprigitaj, ebligante la instalon de 35.057 familioj.

*»La maldekstraj aktivistoj de la 60-aj jaroj revenis«*, brukriadis la »fazendeiro« Roque dos Santos, kiu anoncas la revigligon de la Demokrata Kampara Unio (politika partio de la grandaj bienposedantoj, kiuj postulas la rajton uzi perforton por defendi la privatan posedaĵon) por *»defendi la agrobredan sektoron, la privatan iniciaton, la demokratajn liberecojn, kaj la fundamentajn rajtojn de la civitano«*. Por la biendevena aristokratio, la M.S.T. fariĝis la per ĉiuj rimedoj forbatenda malamiko. Je la elirejo de TEODORO SAMPAIO, urbeto de la ŝtato de SAO PAULO, rudimentaj barakoj etendiĝas sur pli ol unu kilometro, laŭlonge de la brulanta asfaltrubando de la vojo. *»Tendaro de senteruloj, singarde stiru«* rekomendas signalpanelo. Mil sescent familioj, de preskaŭ unu jaro tie instalitaj, atendas sian horon. Vidalvide, la »fazenda« Santa Rita, la vastega ne ekspluatata bieno de Marcelo Negrao estas enirmalpermesita per pikdratoj kaj kvardeko da »pistoleros« ekipitaj per pezaj armiloj. La 20-an de septembro 1996, tiuj ĉi ekpafis kontraŭ skipo de televidistoj, proksimiĝanta al la »fazenda« kaj la ĵurnalistino, Monica Teixera estis etvundita. Petita alpreni punan juĝon kontraŭ la pafadkaŭzintoj, la juĝistino Catarina Estimo rifuzis, pretekstante de *»la memdefenda rajto de proprietulo«*. Tamen, dufoje la senteruloj trompis la viglatenton de la milicanoj. *»Ankoraŭ noktis«, rakontis Mauro, aktivulo de M.S.T., »kiam ni forbatis la ĉirkaŭmuron. Tri mil kamparanoj, tridek tri traktoroj. Post kvar tagoj, ni estis plugintaj kaj semintaj plurajn hektarojn da manioko.«* ... Poste venis la elpelordono kaj alvenis la militista polico por elpuŝi la okupantojn. *»Dum la elpeloj«*, notas Juvelino Strozake, advokato de M.S.T., *»la militista polico ofte transiris la kadron de sia misio. Virinoj kaj infanoj estis molestitaj, agrara materialo estis detruita, loĝejoj bruligitaj (...), la militista polico ĉefe kulpas pri la atencoj kontraŭ la homaj rajtoj en Brazilio, sed ĝi estas protektata de la civilaj kaj militistaj instancoj, kiuj fermas la okulojn rilate ĝiajn premagojn. Tiuj samaj instancoj lasas la »Fazendeiros« liberajn por rekruti verajn privatajn armeojn, ekipitaj per pezaj armiloj, kiuj venas el Paragvio per kontraŭbandaj vojoj.«* Kreskanta fiago kuraĝigita per plena nepuniteco, kiun ĝuas aŭtoroj de perfortagoj. *»Dum la dekkvin lastaj jaroj«*, memorigas Juvelino Strozake, *»1654 personoj, sindikatestroj, kamparanoj, religiuloj, advokatoj, deputitoj, estis mortigitaj pro sia impliko en la lukto por la tero. Je la nuna tago, nur du kondamnoj estis deciditaj, eĉ nur temis pri »pistoleros«, simplaj ekzekutantoj«*. Tion konfirmas pastro José Batista Gonçalves el la Tera Pastra Komisiono de MARABA (Para), *»dekunu jaroj post la masakro de ok kamparanoj el la »fazenda« Uba* (kazo denuncita de Amnestio), *la proceso de la murdistoj ankoraŭ estas je sia prepara fazo. Koncerne la »fazenderon« Edmundo Virgulino, la instiganton de la krimo, vi povas renkonti lin en la stratoj de MARABA«*.

## ENKETO JE LA PUNKTO NULO

Sendube, la plej sistemaj perfortagoj de la »fazenderos« okazas en la ŝtatoj de brazila Amazonio. Atestas pri tio la freŝdataj masakroj de CORUMBLARA, ŝtato de Rondonia, dum aŭgusto 1995 (dek senteraj kamparanoj estis mortigitaj dum komuna operacio de la militista polico kaj de grupo de »pistoleros« el ELDORADO CARAJAS. Plej lasta provoko, la 20-an de septembro, la »fazendeiros« el La Para, lasis marŝadi siajn trupojn de »pistoleros« tra la stratoj de MARABA kaj detrui la monumenton starigitan de Oscar Niemeyer, memore al la viktimoj de la masakro. En la sama tempo, ses monatojn post la buĉado, la enketo daŭre estas je la punkto nulo. *»Eĉ«*, indignas Juvelino Strozake, *»sub la preteksto, ke la esploradoj ne ebligas klare pruvi la individuan respondecon de ĉiu el la 156 policistoj implikitaj en la murdado de la 19 senteruloj, la tribunalo decidis neniun kulpigi pri homomurdo... tiam, kiam tri aktivuloj de M.S.T. estis kulpigitaj pro batoj kontraŭ dekunu policistoj, kontraŭleĝa armilportado, kaj rezistado kontraŭ la ordofortoj«*.

Hodiaŭ la senteruloj alvokas la solidarecon de tiuj, kiuj luktas por la respekto de la homaj rajtoj. *»La brazila registaro timas, ke malbona reputacio havu ruinigan influon sur la fluson de fremdaj kapitaloj«*, opinias Joao Pedro Stédilé.

Pro tio, Internacia Opinio-Tribunalo, kunigante personecojn, kiel Rigoberta Menchu, Eduardo Galeano, Adolfo Perez Esquivel, Danielle Mitterand, ktp... kunsidis en BRASILIA, tiun 28-an de novembro 1996. Ĉu tiu internacia premo sufiĉos por devigi la brazilan registaron puni la respondeculojn pri la masakroj en CORUMBIARA kaj ELDORADO DE CARAJAS ?

*Laŭ artikolo de Philippe REVELLI en »La Chronique d'Amnesty«.*
*Esperantigis : Etienne*

DEDIĈITA AL TIUJ, KIUJ OPINIAS KE NUN LA KLASBATALO APARTENAS AL LA PASINTECO !

# PRI LA PUBLIKA LETERO DE S.A.T. AL K.E.K.

## (en januara numero 1997)

Post la aperigo de tiu publika letero en la januara numero de Sennaciulo, venis al la SAT-Centro pluraj reagoj. La legantoj de Sennaciulo povis legi ilin en la februara kaj marta numeroj.

Ni publikigas ĉi sube la kvin lastajn :

Kamaradino **Holmberg** (31.840) skribas :

*»Estis al mi tre malagrabla surprizo legi tiun ultimaton de la PK de SAT al KEK, asocio amika, kies amikecon konfirmas la ekzisto de personoj samtempe membroj de SAT kaj de KEK.*

*La PK de SAT malkonvene revivigas malnovajn eventojn, kiuj apartenas al nia historia pasinteco, okaze de la morto de iu kamarado, kiu travivis tiujn eventojn kiel li povis, kun sendube honesta kaj respektinda pripensado.*

*La malamika tono de la PK de SAT kaj ĝia malafabla maniero interpreti la interpreton de ideoj de mortinto kaj de homoj, kiuj ne esprimiĝis, estas, laŭ mia kompreno, kontraŭa al la Statuto de SAT. Tiu »Publika letero al KEK«, subskribita de la PK de SAT, malhonorus min, se mi akceptus ĝin.«*

La portugala SAT-peranto, **W. Sacramento**, tiel opinias :

*»Mi konfesas, ke mi tute ne ŝatis legi en »Sennaciulo« la artikolon »Publika letero al KEK«. Mi ĉiam estis komunisto, de mia frua aĝo. Mi mem ankaŭ estas membro de KEK. Antaŭ nelonge okazis kunveno de tiu organizaĵo en Lisbono. Tie mi aŭskultis nenion kontraŭ SAT. Male, ĉiuj ĉeestantoj montris al SAT grandan simpation. K-do Vincent Charlot, sekretario de KEK, ĉiam montris veran ĝojon pro la bonaj rilatoj kun nia asocio. Ĉu simpla artikolaĉo, kiun cetere mi mem ne estis leginta en »Internaciisto«, sufiĉas por bari la vojon al la dezirata paco inter kamaradoj kiuj same deziras la bonon de la homaro ? Laŭ mi, la PK de SAT ne indus subskribi tian dokumenton.«*

Ni ricevis ankaŭ tekston de k-dino **J. Lépeix**, teksto kiu estas ekstertema. Fakte nia kamaradino precipe »kondamnas« la sennaciismon, kaj ni ne aperigas tiun leteron, ĉar jam J. Lépeix traktis tiun temon plurfoje en la kolumnoj de Sennaciulo. Fine de sia letero ŝi skribas :

*»Sed, vi perdis bonan okazon klarigi la aferon al tiuj, kiuj estas misinformitaj pri la celoj de SAT, ripetante (ĉar tion vi jam diris, kiam vi estis pli kuraĝaj ol nun), ke sennaciismo ne estas la celo de SAT.«*

Fakte ni inventis la »monstraĵon« : SENNACIECISMON, por klare montri ke SAT estas SENNACI-ECA kaj ne SENNACI-ISTA ! Ĵakelin' komprenis la malon !

Kamarado **F. Vince** sendis leteron kiu entenas du partojn. La unua rilatas rekte al la temo, kaj ni aperigas ĝin tuj sube, kaj la alia rilatas nerekte (fakte ĝi rilatas al la reago de Petro Levi) kaj ni aperigos ĝin en venonta numero de Sennaciulo) :

*»Mi tute konsentas pri la malkontento de la PK de SAT kaj ties publika letero al KEK (pardonon, mi volis skribi I...KEK!). Mi tamen ne komprenas la naivecon de la PK, kiu ŝajne nur nun malkovras, ke »daŭre reaperas la stalinista pensmaniero« kaj » ke salutvortoj prononcitaj de KEK (pardonu, I...KEK) estas hipokritaj. Aliflanke, mi trovas amuza, ke senvole la PK donacis okazon al KEK-anoj por »okupi la terenon« kaj semi kiel eble plej da IKEK-aj grejnoj. »Bonis la okaz'«!! Ĉu ne ? Multe amuzis min la akraj hurloj (Proverbo de la monato februaro »kiam galo elverŝiĝas, boniĝas la sano«), kontraŭ la PK el kiu forfuĝis... la bonaj spiritoj. Ridigis min la »KEKerikaj« blekoj kontraŭ tiu SAT, kiu respektas nenion, neniun, kiu eĉ ne kapablas legi »Internaciisto«-n (be jes ! ne aperis la riproĉita anonco en la paĝo 24-a sed en la 23-a... tio ege gravas, ĉu ne ?!), tiu SAT, kiu pugobatas anstataŭ respondi ĝentile al la tiel afablaj salutvortoj publikigitaj en 1993. Jes tio ne estas politike korekta ! kaj tok !! Tamen, mi preskaŭ ploris leginte pri la memorigo de la subskribo al la statuto.«*

Fine ni ricevis du leterojn de **F. Schick**, la verkinto de la artikolo en »Internaciisto« kiu vekis tiun diskuton. La enhavo de tiuj du leteroj estas tre konfuza, ĉar F. Schick miksas SAT, sennaciismon... kaj la anglan-usonan imperiismon !

El tiuj du tekstoj ni eltranĉas plej signifajn paragrafojn :

*» Mi skribis al vi karnavale, ĉar ni troviĝas en tiu periodo, tial ĝia enhavo (la disputo pri sennaciismo) certe neniun ĉagrenas... Estas bedaŭrinde ke SAT uzis tiun ĉi bagatelan esprimon por reataki KEK kiu pretas kunlabori kun SAT... Ni komunistoj estas internaciistoj, sed ne sennaciuloj, ĉar ni amas nian patrujon, ĝian kulturon kaj lingvon...«*

Necesas ke la PK precizigu gravan detalon : ĉiuj rebatintoj aludis pri ekstermodaj, aliepokaj opinioj. Ni precizigas ke la frazo kiu provokis la reagon de la SAT-PK esprimis la opinion de **nuna** kunlaboranto de »Internaciisto«. Ĝenerale la SAT-PK ne reagas kiam oni favore parolas pri nia Asocio (estus fanfaronemo...) sed reagas kaj reagos kiam oni atakos ĝin.

Ni eble estas tro »seriozaj«, sed pri gravaj temoj ni provas agi nek »karnavale« nek »bagatele«.

Tiel ni finas tiun debaton kiu montris ke la SAT-anoj ne dormas.

*La P.K. de S.A.T.*





# VIAJ OPINIOJ

Pri la enhavo respondecas la aŭtoroj mem !

## Jugoslavio - ĉu ili sukcesos ?

Tiu ambigua titolo ne indas venante de asocia gazeto kiu pretendas al klerigo de siaj-membroj. Kiel la Serboj, unu el la Jugoslaviaj popoloj kiuj, trompitaj de iliaj gvidantoj interbuĉis sin dum 4 jaroj, devas interpreti tiujn vortojn ? Ĉu obeante al la pastraĉoj, al Vuk Draŝkoviĉ, al Zoran Djindjiĉ kiuj dumtempe subtenis nefidindajn individuojn ? Duboj pri la honesteco de tiuj novbakitaj demokratoj estas permesataj. La danĝero estas efektiva ke la popolan ribelon tiuj falsaj profetoj devojigos profite al siaj ficeloj. Ĉu ekzemple tiuj ĉampionoj de la Serba renovigo estas pretaj agnoski liberrajtojn al la Kosovanoj ? Trafe, pli ol longa artikolo ĝin klarigus la desegnaĵo de Plantu (paĝo 15). Ĝi resumas la problemon. Tiu luma bildo pli indus akompani la frontpaĝan titolon ol la kapo de Vuk Draŝkoviĉ.

PARALELE

Kio okazas en Zagreb, Mostar kaj aliaj lokoj ne inklinigas al optimismo. Kontraŭ la Tudjmana provo malpermesi »Radion 101«, 100.000 Zagrebanoj manifestaciis komence de decembro. En Mostar, la 10an de februaro unu »muzulmano« estis mortpafita kaj daŭre la Kroatoj forpelas muzulmanajn loĝantojn de loĝejoj iliaj, lokitaj en okcidenta Mostar.

*M. Noulin*

***

## Kontraŭ la »liberpensa« diktaturo

Dekdu jarcentojn bezonis la kristanoj por degeneri de la amo al proksimulo ĝis la inkvizicio. Ke ne tiom da tempo bezonas la anarkiistoj por inventi la liberpensan diktaturon, tion montras la broŝuro »Sociala Problemo en nia socio« kaj ĝia recenzo fare de k-dino Calas.

La liberamo de homo mezuriĝas laŭ la kvanto da libero, kiun li konsentas al la homoj, kiuj ne pensas kiel li. Ekzemple, kiu defendas la rajton de virinoj disponi pri siaj korpoj, devas defendi ne nur la rajton de polinoj aborti, sed ankaŭ la rajton de ĉininoj naski infanojn. Kiam la papo defendas la homajn rajtojn, temas pri katolikoj iri al la meso. Ekzakte same kondutas k-dino Calas. Ŝi agnoskas homajn rajtojn nur al siaj ateistaj samideanoj.

La anarkiistoj dekretis, ke religio kaj geedziĝo ne plu ekzistu. Do kio okazos, se, dum ili estos farantaj sian revolucion, katolikaj geamantoj geedziĝos ? Ĉu nome de la liberpenso la anarkiistoj malliberigos tiujn danĝerajn kontraŭrevoluciulojn ?

Kio okazas nun en Francio ? La prezidanto de la Respubliko estas katoliko. La konstitucio garantias la egalrajtecon de la katolikaj, ateistaj kaj aliaj gecivitanoj. La gekonkuboj iom post iom akiras la samajn rajtojn kiel la geedzoj. Antaŭ nelonge, la gekonkuboj eĉ pagis malpli da impostoj ol la geedzoj, sed nova leĝo korektis tiun malegalecon. En la urbodomo de Strasburgo, geaj kaj gejaj paroj povas akiri ateston pri konkubeco, kiu havigos al ili rajtojn, kiujn antaŭe ĝuis nur la geedzoj.

K-dino Calas estas plene libera kuŝi kun kiu ŝi volas. La liberoj, kiujn ŝi postulas, jam ekzistas. Do por kio ŝi batalas ? Por senigi je libereco tiujn, kiuj ne pensas kiel ŝi.

La rajto de la katolikoj praktiki siajn sep sakramentojn, inkluzive de la geedziĝo, estas garantiita de la 18a artikolo de la Universala deklaracio pri la homaj rajtoj. Kiel aktivanto de Amnestio Internacia, mi pretas defendi la 18-an artikolon de la Universala deklaracio pri homaj rajtoj kontraŭ ĉiaj diktatoroj, eĉ anarkiistaj.

Mi petas do de k-do Prévost, de k-dino Calas kaj de ĉiuj aprobantoj de tiu broŝuro, ke ili bonvolu klare respondi la jenan demandon : dum sia revolucio, ĉu la anarkiistoj batalos kontraŭ Amnestio Internacia por abolicio de la Universala deklaracio pri homaj rajtoj ?

*Jacqueline Lépeix*

## NEKROLOGO

La 4-an de januaro,mortis en Malmö (SE), 69-jara, nia malnova membro,

**k-do Per TÖRNEGREN**

**(matr. 30.027)**

Ni kondolencas al la familianoj.

****

En Leiden (NL), mortis la 2-an de februaro en la aĝo de 70-jaroj, nia malnova membro,

**k-dino Manna BEIJNE-van OS (matr. 23.510)**

Ŝi estis tre aktiva kun sia edzo Henk, kaj organizantino de la SAT-kongreso en Amersfoort. La poetino Reina de Jong verkis jenajn versojn je ŝia memoro:

*"Al viaj doloroj nun venis fino,*
*kuraĝa, kara amikino.*
*Kiel luma bildo en nia memoro*
*vi ĉiam restos en nia koro.."*

Ni kondolencas al nia kamarado Henk, kaj al la nederlandaj SAT-anoj.

****

Ni ĵus eksciis ke en Leiden (NL), mortis 74-jara, nia malnova membro,

**k-do C. BRUINS**

**(matr. 22.215)**

Ni kondolencas al familianoj.

****

La 2-an de oktobro 96 forpasis en Udino (IT) nia k-do

**Primo TREVISANI**

**(matr. 29.531)**

Fervojisto, li estis unu el la fondintoj de la udina grupo »Espero-Friuli« (1969) kaj poste de la grupo »Nova Espero Friuli« (1981).

Ni kondolencas al liaj familianoj.

****

Ni ĵus eksciis ke jam antaŭ du jaroj mortis en Zagrebo (HR) nia kamaradino

**Tea RUŽIĆ-MATTES**

**(matr. 31.134)**

Ni kondolencas al la filo kaj aliaj familianoj.

****

Laŭ la poŝta informo, ĵus mortis en Pougues les Eaux (FR) nia malnova membro, kamaradino

**Jacqueline TRESORIER**

**(matr. 23.677)**

Ni kondolencas al gefiloj (ankaŭ esperantistoj) kaj aliaj gefamilianoj.

****

En Ystad (SE) mortis nia malnova membro, kamarado

**Asta HÅKANSSON**

**(matr. 27.859)**

Ni kondolencas al la familianoj.

## Novaĵoj tra INTERNET



**Manifesto kontraŭ la leĝo Debré en Francio**
**Manifesto de Esperantistoj**

»Ni, Esperantistoj, kulpas, ĉar ni ĵus gastigis - pro personaj aŭ profesiaj kialoj - eksterlandanojn. Ni ne denuncis niajn eksterlandajn geamikojn. Kaj ni plu gastigos, ne denuncos, simpatiiĝos kaj laboros sen kontroli dokumentojn de niaj samideanoj, kolegoj kaj amikoj.

Sekve de juĝo de la 4-a de Februaro 1997 kontraŭ S-ino Jacqueline Deltombe, »kulpinta« pro gastigado de neleĝa Zairia amiko - el la principo, laŭ kiu leĝo samas por ĉiuj - ni petas esti ankaŭ akuzataj kaj juĝataj.

Niaj tradicio kaj idealoj trudas nin konsideri ĉiujn homojn kiel niajn fratojn de la sama gento: la Homaro.

Fine, ni alvokas niajn kuncivitanojn malobei kaj ne submetiĝi al malhumanaj leĝoj.

Ni alvokas ĉiujn Esperantistojn solidari kun ni en tiu batalo por la homa digno.

Ni rifuzas, ke niaj liberecoj estu tiel limigitaj.-

*Tiuj kiuj volas subskribi tiun ĉi tekston, bonvolu sendi retaĵon al mi?*

*Vincent CHARLOT*
*esperant@worldnet.fr*
*Pierre LEVY*
*telefono/kopio:*
*+33.1.30.52.31.38*

**Novaj telefonaj voknumeroj**

Ekde la 1-a de marto 1997 ne plu ekzistas unueca landa telefona voknumero por Ĉeĥio kaj Slovakio (42), sed por Ĉeĥio ĝi nun estas +420 kaj por Slovakio +421.

*Informas:*
*chrdle@kava-pech.cz*

**Pola radio informas**

De la 30-a de marto en kunligo kun la transiro al la somera mezeŭropa tempo la 4-minutaj novaĵoj de Pola Radio en E-o kadre de la Monda Radioreto (WRN) estos aŭdigataj je la 21.25-21.30 h. - laŭ la somera mezeŭropa tempo, alivorte je la 19.25-19.30 h. - laŭ la monda tempo. La decidon pri la daŭrigado de ĉi tiu iniciato dissendi 4-minutajn aktualaĵojn alprenis la direktoro de la Monda Radioreto en Londono. Tio estas tre ĝojiga, sed samtempe oni ne forgesu kelkfoje sendi anglalingvan leteron por informi, ke oni aŭskultas. La adreso estas: World Radio Network, Wyvil Road, London, SW8 2TG, UK-Britio, fakso: 44-171-896-9007; paĝo en la reto: http://www.wrn.org/. La nomo de la direktoro estas Mr Karl Miosga.

Samtempe personoj, kiuj volas informiĝi pri la aŭdigado de 4-minutaj E-novaĵoj kadre de kabloradio en diversaj landoj, povas trovi detalojn ĉe la menciita adreso en la reto aŭ en la E-Redakcio de Pola Radio, 00-977 Varsovio, Poŝtfako 46, Pollando.;

*pettyn@radio.com.pl*
*Andreo Pettyn*



**LIBERECANA FRAKCIO DE S.A.T.**

## KOMUNIKO

Ni estas Liberecana Esperanto-Grupo de Tuluzo.

Sekve de leĝpropono de Debré (Franca dekstra ministro) por pli efike kontroli la fluon de eksterlandanoj en Francio, amaso da protestoj staris flanke de intelektuloj, sciencistoj, artistoj, ktp... kiuj alvokis homojn civile malobei.

Kiel sennaciecaj esperantistoj, ni praktikas delonge liberan gastigadon de individuoj el ĉiuj originoj, kaj tio malgraŭ la perfidaj leĝoj, ĉu de dekstrularo, ĉu de maldekstrularo (identiga karto, restada karto, nacieca kodo, gastiga atesto de la leĝo de 1982, leĝoj de Pasqua aŭ leĝo-projekto de Debré...).

Kiel Anarkiistoj, ni delonge rekomendas civilan malobeon ĉiufoje kiam la defendo de la Individuo tion postulas.

Ni ĝojas ke nun en Francio multaj konscias pri tio kaj ni esperas ke sekvos efikaj konkretaĵoj.

Ni alvokas ĉiujn individuojn, precipe esperantistojn kaj liberecanojn por ĝenerala malobeo al ĉiuj liberecmortigaj leĝoj.

Tuluzo, la 17-an de februaro 1997.

Liberecana Esperanto-Grupo
P/a canal Sud
40 rue Alfred Duméril
FR-31400 Toulouse
E-poŝto: canalsud@worldnet.fr

File Edit View Go Bookmarks Options Directory Window
Netscape: Untitled
Location: file:///Hard%20Disk%201034/Internet/SAT-Web/LibPen.html

**Liberpensula frakcio de S.A.T.**

**LIBERPENSULA FRAKCIO DE SAT**

En gxi, oni diskutas pri cxiuj problemoj, ne nur tion, kio koncernas ateismon, religiojn, sed oni tusxas la mondajn problemojn

La frakcio ne havas specialan bultenon. Oni sendas la artikolojn al Sennaciulo. Por ke pluraj kontribuajxoj ne alvenu samtempe en la redakciejon de SAT, oni sendas la artikolojn al la frakcia sekretario, kiu telegas, kaj se necese, korektas ilin.

Ne estas speciala kotizo por aligxi al la frakcio. dum kongresoj aux aliaj manifestacioj, la respondeculo, aux alia membro povas inviti la kunvenon.

**KIO ESTAS LIBERPENSO ?**

"Liberpenso" estas populara asocio pri filozofia sercxado kaj socia agado, kies principoj estas la racio kaj la scienco. Gxi ne estas partio kaj gxi estas sendependa de cxiuj partioj aux tendencoj. Gxi ne havas dogmojn kaj nur celas disvolvi cxe cxiuj homoj la spiriton de memekzameno - tute sendependa - sen iu ajn influo.

*TTT-paĝo de Liberpensula Frakcio de SAT*

TROVITAĴO

*LA PLEJ NOBLA PARTO*

*La pasporto estas la plej nobla parto de homo. Ĝi ja ne estiĝas tiel simple kiel estiĝas homo.*

*Homo povas estiĝi ĉie ajn per ago plej frivola kaj sen racia kaŭzo, sed pasporto neniam.*

*Tial ĝi estas agnoskata se ĝi estas bona, dume homo, kiom ajn bona li estas, tamen ne estas agnoskata.*

Bertold Brecht (1940)

Trovis, tradukis kaj sendis : Nora Caragea

Teksto bedaŭrinde plene aktuala post 57 jaroj.

Baldaŭ aperos :

VUALO DE L'SILENTO

eksterordinara aŭtobiografia romano pri la vivo kaj problemoj de islama virino.

Pli da informoj en venontaj numeroj de S-ulo.





Vaclav HAVEL :

## AŬDIENCO

La teatra grupo »Kia Koincido« prezentos al la publiko de la SAT-kongreso en Aŭgsburg unuaktaĵon de Vaclav Havel, dramaturgo kaj nun prezidanto de Ĉeĥa Respubliko.

»Aŭdienco«-n Havel verkis en persone malfacila tempo. Ĉiuj liaj verkoj estis malpermesitaj de la tiama ĉeĥoslovaka reĝimo. Havel ne plu rajtis labori kiel dramaturgo. Li estis kondamnita ruli la barelojn en la bierfarejo.

Kion Havel spertis en tiu bierfarejo, li malkaŝis al la publiko en sia teatraĵo »Aŭdienco« - dialogo inter la ĉefo de la bierfarejo kaj la intelektulo kondamnita labori tie. Dum la dialogo evidentiĝas, ke ankaŭ la ĉefo suferas pro la situacio. Li devas regule raporti al la sekreta polico pri la konduto kaj la opinioj de la laboristo, tasko malagrabla kaj intelekte malfacila por la ĉefo. Pli kaj pli ebriiĝante, la ĉefo petas la intelektulon mem verki tiujn raportojn pri si mem por la sekreta polico, sed ... nu, vi vidos en la teatro !

»Aŭdienco« brile respegulas la etoson de malliberеco kaj malfido en diktatoreca ŝtato.

Du jarojn post la apero de »Aŭdienco« kaj de aliaj teatraĵoj kontraŭ la subpremo de kulturo kaj persona libereco, Havel estis arestita dum kvar jaroj.

La teatraĵon prezentos al vi Thomas Bormann kaj Martin Haase.

T.B.

fino de paĝo 40

epokon kiam la socialistaj partioj de ĉiuj landoj nomiĝis ».....a sekcio de la laborista internacio«. Malfeliĉe tiuj partioj burĝiĝis kaj naciiĝis. Samtempe kaj inverse, la kapitalo pli kaj pli sennaciiĝis.

La ekonomia tutmondiĝo signifas ankaŭ la tutmondiĝon de la labormerkato. Rekreo de laborista internacio estas pli necesa ol iam. Tiukaze Esperanto estus la plej bona helpilo.

*M. Hardy*

*Ne atendu lastan momenton por aliĝi al la kongreso*

### HELPO AL ASOCIO

**En Germanio (DEM)** Ehlers 10,00; Redecke 10,00; Scheffler 910,00; Kersting 10,00; Breuninger 30,00; Cunat Planes 10,00; Rodewig 40,00; Knötzsch 60,00; Paech 230,00; Bolter 10,00; Conzeth 20,00; Wohlers 110,00; Bues 160,00; Stephan 10,00; Hocke 60,00; Caragea 10,00;
**En Francio (FRF)** M. Hardy 50,00; J. Selle 110,00; Charras 10,00; J. Douard 40,00; O. Scheidel 100,00; R. Durand 40,00; G. Lagrange 210,00; J. Vidaller 60,00; M. Guillou 60,00; G. Cavalier 280,00;
**En Portugalio (PTE)** Frazao de Faria 1800,00; A. Kasesa 800,00; J. Verisimo dos Santos 3300,00;
**En Aŭstralio (AUD)** Gueltling 5,00;
**En Aŭstrio (ATS)** J. Wieser 420,00; M. Hollinger 170,00; P. Haberl 150,00;
**En Svedio (SEK)** E. Erlandsson 200,00; H. Svärd 105,00; H. Lindkvist 70,00; C. Lindkvist 10 000,00; A. Ullström 140,00; J. Boberg 155,00; I. Andreasson 80,00; D. Levitan 105,00;
**En Italio (ITL)** A Chiaruttini 27500,00; G. Quaranta 17500,00; P. Giuffrida 105,00; A. Bandini 40,00;





# 70-a Kongreso de S.A.T.

## 02.-09.08.1997 en Augsburg

OKK :
Prezidanto : Hermann Schmid
Adreso : Esperanto-Press Augsburg, Hermann Schmid, Waterloostrasse 21, DE-86165 Augsburg,
Telefono el eksterlando : + 39.821.792835 ; el Germanio : 0821 / 792835 + 488149
Poŝtkonto : Hermann Schmid, Sonderkonto 86356 Neusäß. Postgiramt München Kto-nro 56 99 93-808 (Bank-kodo 700 100 80) por 70a kongreso de SAT 1997 - Augsburg.

| KONGRESKOTIZOJ | ĝis 1997.04.30 | ĝis 1997.06.15 | poste |
|---|---|---|---|
| SAT-membro | 100.-DEM | 124.-DEM | 10% pli |
| SAT-geedzoj | 166.-DEM | 206.-DEM | en ĉiuj |
| SAT-gejunuloj | 60.-DEM | 66.-DEM | kategorioj |
| Gasto | 140.-DEM | 176.-DEM | |
| Gast-geedzoj | 198.-DEM | 246.-DEM | |
| Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas la kotizon | | | |

La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 30 % rabaton.
La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 50 % rabaton).
La aliĝilon bonvolu peti ĉe la adreso de la O.K.K.



### GRUPA TRAJNA VOJAĜO EL PARIZO AL LA KONGRESO EN AUGSBURG

## VOJAĜO PARIZO-AŬGSBURGO-PARIZO

Ni antaŭvidas grupvojaĝon per trajno laŭ jenaj kondiĉoj :

- Foriro el Paris Est sabaton la 2-an de aŭgusto 97 je la 7h50
- Alveno al Augsburg je la 15h34.
- Reveno el Augsburg sabaton la 9-an de aŭgusto 97 je la 8h23
- alveno al Paris Est je la 16h23.

Prezoj: en la dua klaso : 802 FRF (normala prezo 1218 FRF).
en la unua klaso : 1180 FRF (normala prezo 1802 FRF).
Bonvolu anonci vin tuj post la ricevo de tiu ĉi Sennaciulo.

TRIA LISTO DE ALIĜINTOJ
77. E. Döring (CH); 78. I. Grosser (DE); 79. V. Malaroda (IT); 80. A. Hanke (DE); 81. A. Donat (DE); 82. S. Linke (DE); 83. M. Prevost (FR); 84. R. Prevost (FR); 85. M. Suarez (FR); 86. O. Tergaĉev (RU); 87. O. Scheidel (FR); 88. B. Vohlers (DE);

### PARTOPRENI U.K. KAJ SAT-KONGRESON SINSEKVE

Petro Chrdle per sia kongresa kaj kleriga entrepreno KAVA-PECH organizas flugkaravanon al UK en Adelajdo tiel, ke ĝi finu en Frankfurto la 2-an de aŭgusto (de kie oni ankaŭ startos), kio tre konvenas ke la interesuloj daŭrigu kongresumadon dum nia SAT-kongreso, kion cetere faros ankaŭ geedzoj Chrdle. se vi volas kunflugi en dekomence internacia grupo (jam estas aliĝintoj de Aŭstrio, Ĉeĥio kaj de Germanio), bonvolu peti pliajn informojn kaj aliĝilojn de :
Petro Chrdle
Anglicka 878,
CZ-25229 Dobrichovice
Tel.: +420.2.991.2201,
Fakso: +420.2.991.2126
Retadreso : chrdle@kava-pech.cz

★

ESPERANTO
SENNACIECA LINGVO

## EL ESPERANTO-MOVADO

❒ Esperanto-Muzeo de Gray, Francio festas ĉi-jare sian dudekan jaron. Por festi ĝin okazos kultura renkontiĝo kaj animado la 26-an kaj 27-an de aprilo, laŭ iniciato de ĝia fondinto kaj direktoro, s-ro Geo Junier (19, rue Victor Hugo, R-70100 Gray), kaj de la komunumo de Gray. Salutojn kaj gratulojn oni povas sendi al s-ro Junier kaj al la urbestro de Gray (Place Ch. de Gaulle, FR-70100 Gray).

❒ Unu el ses eŭropaj deputitoj opinias ke Esperanto povus helpi al la solvo de lingva problemo en Eŭropa Komunumo. La 22-an de januaro ili estis 101.

❒ Sveda eduka televidprogramo preparas kvin programojn pri diversaj aspektoj de Esperanto. La respondeca ĵurnalisto pri tiuj programoj sekvis specialan tiucelan staĝon.

❒ En Grekio ĵus aperis enciklopedia verko de 786 paĝoj, en greka lingvo kaj titolita : "Esperanto, la lingvo de espero". Pluraj gravuloj partoprenis la prezenton de tiu verko al la publiko, inter kiuj honora ĝenerala direktoro de la ministerio pri kulturo, Nikolaos Zorogianidis.

❒ Someraj universitataj kursoj de Esperanto de la Ŝtata Universitato de San Francisko okazos de la 23-a de junio ĝis la 11-a de julio. En la jaro 1996 partoprenis ĝin studentoj el Brazilio, Kanado, Kostariko, Danlando, Japanio kaj Meksikio. Poste okazos Amerika kongreso de Esperanto. Informoj: Cathy Schulze, Esperanto-kursoj, 410 Darell Rd. Hillsborough, CA 94010-6710, Usono.

❒ En la populara bosnia semajna gazeto "Svijet" (Mondo), eldonata en Sarajevo, en decembro aperis tripaĝa intervjuo kun Senad Ĉoliĉ, prezidanto de Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino, pri la dummilita kaj nuna agadoj de la Ligo, la lingva situacio en la mondo, interlingvistiko kaj la vivo de la esperantlingva komunumo.

❒ La 14-an de marto revenis el Albanio Marija Beloŝeviĉ, sekretariino de la Kroata Esperantista Unuiĝo kaj de ILEI. Ŝi estis tie de la 2-a de marto.Dum tiu tempo ŝi vizitis Ministerion de klerigado kie akceptis ŝin la ĉefinspektorino, kiu interesiĝis pri la stato de Esperanto instruado en la mondo kaj ĝojis ekscianțe ke albanaj instruantoj ĵus ricevis donace videokurson "Mazi" kun akompanaj materialoj.

S.A.T.  erinaco

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## MALSANO DE LA FRENEZA BOVINO



El "Le Monde"



El "Le Monde"

### ŜERCO EL RUSIO

Ĉernomirdin diras al Jelcin :

»Mi ne scias kion fari kun tiuj laboristoj. Ni ne pagas al ili salajron dum monato, dum du, dum tri - sed ili malgraŭ ĉio venas laborejen kaj laboras!«

Tiam alvenas Ĉubajs kaj konsilas: »Vi prenu de ili enirpagon!«